XXIV-a jaro. N° 334 [6] • Monata • Junio 1928

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redakcio : D-ro Edmond PRIVAT, Prezidanto & Hans JAKOB, Direktoro de UEA.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

REDAKCIO : *La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn.*

*Lasta dato por ricevo: I-a de ĉiu monato por la sekvanta monato.*

*Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

*La abonoj komenciĝas en Januaro.*

ABONO & REKLAMO

| | |
|---|---|
| **Simpla abono** | **10.— Fr. Sv.** |
| **Kun la membreco de UEA** | **12.50 Fr. Sv.** |
| **Unu numero** | **1.— Fr. Sv.** |
| **Anonco** (unu centimetra kolonero) | **2.50 Fr. Sv.** |
| **Anonceto** (1 linio : 10 vortoj) | **0.75 Fr. Sv.** |
| **Korespondado** (1 enskribo) | **1.— Fr. Sv.** |


ENHAVO



## Esperanto en Universitatoj

Kvar universitataj fakultatoj enmetis Esperanton en sian programon. En Praha, Zagreb, Varsovio ili instruigas la lingvon, en Ĝenevo la ŝtato fondis katedron pri ĝia historio en la lingvoscienca fako de la belestrika fakultato. Post longa ignorado la lingvistoj komencas interesiĝi je Esperanto kiel fakto studinta, sed la plimulto el ili ankoraŭ havas antaŭjuĝojn, ĉar ili tute ne scias kiel funkcias kaj vivas la lingvo.

En la sciencaj rondoj ekzistas simpatioj, sed malpli da uzo praktika. Tamen, en Japanujo fondiĝis multaj esperanto-grupoj en universitatoj kaj aperis jam pluraj verkoj medicinaj, astronomiaj aŭ aliscienca en la lingvo. Tiu ekzemple meritas esti sekvata.

En Francujo fondigis kelkaj similaj grupoj. Ili eĉ kreis Federacion, kiu kongresis lastan vintron en Toulouse kaj deziras nun alvoki ĉiujn universitatajn esperantistajn grupojn al internacia kunveno en Bruselo antaŭ la Antverpena kongreso por organizi tutmondan fakan federacion. (Vidu paĝon 128.)

Dum nia XX-a kongreso la demando staros sur la tagordo kaj ni aŭdos la proponojn de la iniciatintoj, kiuj estas tre agemaj studentoj kaj junaj diplomitoj. Ni kore esperas, ke ili invitos al sia konferenco la reprezentantojn de Internacia Scienca Asocio, kiu jam grupigas kelkcentojn da individuaj universitatuloj kaj havas longan sperton.

Dum la kongreso necesos ankaŭ aŭdi tion, kion opinias la naciaj propagandaj societoj kaj kiamaniere ili povas antaŭvidi la formadon de aparta komisiono en si por agado inter universitatanoj. Ni tre deziras, ke nia lingvo pli disvastiĝu inter scienculoj, kies kampo estas tutmonda, kaj inter studentoj, kiuj morgaŭ okupos gvidajn postenojn en multaj landoj. Kiel entrepreni seriozan agadon ti kaj samtempe ne malŝpari jam organizitajn fortojn, jen la problemo, cetere la sama por ĉiuj fakoj de nia movado.

## Esperanto en kooperativoj

Ni atentigas pri la nova grava paŝo farita ĉe Internacia Labora Oficejo, kiu de nun regule publikigos en sia esperanta bulteno paĝon pri kooperativaj societoj.

Ĝi uzas mem nian lingvon kaj deziras ricevi adresojn de kooperativanoj esperantistaj en ĉiuj landoj por aranĝi informservon per Esperanto. Ili bonvolu sin anonci ĉe Bureau International du Travail, Genève. Koran dankon.

*Edmond Privat.*

 EL NATURO KAJ SCIENCOJ 

# Somalio

Originale verkis *Ibrahim Ismail.*

Somalio estas triangula duoninsulo ĉe la oriento de Afriko. Ĝia amplekso egalas tiun de Francujo kaj de la Britaj Insuloj kune, sed pro manko de pluvo, la lando ne nutras multe pli ol milionon da homoj. Arbarkovrita montaro kuŝas laŭlonge de la norda marbordo, tial la ĉefaj riveroj fluas sudorienten : la plej gravaj el ili estas la Uebi-Ŝebeli « Rivero de la Leopardo » — kiu perdiĝas en la sablo antaŭ ol trafi la Hindan Oceanon, — kaj la Uebi-Ganale, nomita Ĝuba de la Eŭropanoj. Politike, la lando estas nun parte okupata de l'Italoj, l'Abisenoj, l'Angloj, kaj de la Francoj.

Mia naskiĝa regiono, pri kiu mi intencas paroli al vi, estas la plej orienta parto de la distrikto okupata de la Angloj. Sur la marbordo kuŝas kelkaj urbetoj, preskaŭ la solaj konstantaj loĝejaroj en la tuta lando. Tie la produktaĵojn de la interna lando (ĉefe araba gumo, incenso, mirho, ŝafoj, kaproj kaj feloj) oni interŝanĝas kontraŭ komercaĵoj alportitaj per velŝipoj el Sudarabaj havenoj (ĉefe rizo, sorgo, daktiloj, kaj kotonaĵoj.)

En la tuta regiono, terkulturado estas nekonata. Monon oni uzas nur en la marbordaj urbetoj. La posedaĵoj de la Somalianoj preskaŭ nur konsistas el brutoj: kameloj, ŝafoj (1) kaj kaproj, bovoj, ĉevaloj kaj azenoj. (Ĉevaloj utilas nur por milito : unu ĉevalo egalvaloras kvin kamelojn.) Tiuj brutoj devas migri tra la lando serĉante novajn herbejojn, sed, ĉar iliaj bezonoj iom malsamas, ili ne ofte troviĝas kune.

Somalia gento konsistas el grupoj de ŝaf-kaj-kapristoj, de kamelistoj, de bovistoj, kaj de ĉevalistoj.

*Ŝafistoj* . — Ni unue vizitu aron de ŝaf-kaj-kapristoj. La ŝafoj kaj kaproj estas enfermataj dumnokte inter bariloj faritaj el dornplena brančaro. Tiuj brutarejoj intertuŝas, kaj formas la centron de sidejo nomita *guri*. Ĉiu familio (laŭ mallarĝa signifo) havas sian brutarejon kun propra alirejo. Unuflanke de tiu alirejo kuŝas eta brutarejo por la ŝarĝaj kameloj kaj azenoj, kaj aliflanke staras kupolforma tendo kie loĝas la familio. Tiu loĝejo estas konstruita el kurbaj bastonoj kovritaj per feloj kaj matoj el teksitaj palmofolioj. Korteto antaŭas la tendon. La loĝantaron de unu *guri* oni nomas *rerr.*



La verkinto : *Ibrahim Ismail.*

La virinoj kaj infanoj melkas la ŝafojn kaj la kaprinojn je la sunleviĝo kaj je la noktiĝo.

Kiam, post kelktaga aŭ kelksemajna sido, la herbo estas formanĝita kaj la gento decidis formigri, ĉiu familio en la rerr surpiediĝas je la tria horo matene, kaj ekbruligas fajregon antaŭ la tendo, por ke oni povu vidi laborante kaj ne postlasu ion ajn. Tiam la virinoj, helpataj de siaj infanoj, malkonstruas la tendon, kaj pakas ĝin sur la dorson de la brutoj. Se la trairota lando estas senakva, oni ankaŭ ŝarĝas la brutojn per ujoj plenaj je akvo havigita la antaŭan tagon el proksima-aŭ-malproksima akvejo. Poste, oni malfermas la pordojn kaj la bestoj eliras, sekvataj de kelkaj familianoj. Dank' al tiu frumatena ekiro, eĉ la infanoj povas fari longan piediron antaŭ kiam la meztaga varmego devigas ilin serĉi ombron kaj ripozon.

Dume, unu viro por ĉiu *rerr* estas rapidirinta al la loko elektita de la gento por la almigrado, kaj li elektas neokupatan barilaron *(guri)* — tre ofte necesas ke oni konstruu novan. — La unua kiu alvenas al *guri* metas en ĝi sian signon (ekz, branĉon de ia arbo aŭ ŝtonon starigitan laŭ speciala maniero), kaj per tio li postulas por sia *rerr* la rajton okupi ĝin. Kiam la familioj alvenas kun iliaj brutoj, kutime dum la vespero, la bestoj estas enfermataj en la diversaj brutarejoj, la kameloj kaj la azenoj malŝar-

(1) Somaliaj ŝafoj estas senlanaj kaj dikvostaj.

ĝataj, kaj la virinoj helpas unu la alian konstrui la tendojn. Intertempe la viroj riparas la barilojn per novaj branĉaĵoj.

*Kamelistoj.* — Nun, ni forlasu la *rerr* kaj ni iru viziti aron de kamelistoj. Ĉi tie ni vidas nek tendojn, nek barilojn : Homo kaj brutoj sidas sur senŝirma lando. Virinojn ni ne trovas inter ili.

Se estas la pluva sezono, multaj kamelaretoj kun iliaj gardistoj estas kuniĝintaj en aregoj : eble ni trovos 500 ĝis 600 kamelojn kun cent personoj.

Oni melkas la kamelinojn trifoje : je la sunleviĝo, je la 11-a matene, kaj je la 10-a horo vespere. Jen la agmaniero : Ĉiu knabo okupas sin pri 20 ĝis 40 brutoj. Unue li vokas la melkotan kamelinon kaj ankaŭ ŝian idon, kaj malkovras stupaĵon ligitan ĉirkaŭ ŝiaj mampintoj. Vigle li observas la kamelidon suĉantan de la patrina brusto, kaj tuj kiam li juĝas ke ĝi trinkis sufiĉe, li forpuŝas ĝin dum viro daŭrigas la melkon en korbaĵan ujegon. Kiam la plimulto de la lakto estas eltirita, la ido estas permesata fini. (Se kamelido mortas, oni konservas parton de ĝia haŭto, kaj prezentas ĝin al la patrino. kiu rekonas la odoron kaj ellasas sian lakton.) La knabo trinkas unu plenbuŝon : kiam li estas okupinta sin pri dudeko da kamelinoj li tute satas. La unua lakto estas sendata al la infanoj ; poste, trinkas la fremdulo, kaj fine, la posedanto de la kameloj.

La kamel-posedantoj pasigas la tempon diversmaniere : kelkaj vizitas la landon por serĉi la plej bonajn paŝtejojn ; aliaj iras al la *rerr* por kolekti novaĵojn ; aliaj iras al la genta kunveno *(ŝirr)* piede aŭ ĉevale ; aliaj supreniras proksiman altaĵon kaj observadas pri malamikoj aŭ pri perdiĝantaj brutoj. Vespere, ĉiuj rekuniĝas kaj raportas pri la diversaj observoj.

*Metiistoj.* — Kelkaj *rerr* enhavas anon konatan pro lia sperto pri iu metio ; plej ofte estas sandalisto, sed oni renkontas ankaŭ lediston, kiu faras ŝildojn, sagujojn, ponardingojn, kaj multkostajn ĉevaljungilarojn ornamitajn per entranĉaĵoj ; ligniston kiu faras ujojn, kulerojn, k.a. entranĉitajn laŭ geometriaj desegnaĵoj ; korbiston, kiu kudras per basto la multkostan laktujon. Krom tiuj, estas la forĝisto, kiu apartenas al speciala kasto, kiu ne interedziĝas kun Somalianoj ; li konstruas per si mem forĝejon el branĉoj, sub la ombro de arbo : ĉi tie la *rerr*'anoj ŝatas kunveni por babilado.

En bovistaroj, oni trovas spertajn potistinojn, kiuj vendas krude ornamitajn ujojn kontraŭ iom da rizo aŭ da lakto.

*Fajro.* — Kiam la noktoj estas malvarmaj, la kamelistoj ekbruligas fajron per du lignopecoj : unu vertikala, kaj alia horizontala. Iu turnas la vertikalan pecon rapidege inter la manplatoj, tiel borante truon en la horizontala peco. Post kelkaj minutoj la rezultinta lignopulvoro ekfumiĝas kaj fajrego aperas. Kiel tindro oni uzas sekiĝitan kaj pulvorigitan azensterkon. Malforta blovo baldaŭ flamigas la fajregon.

*Manĝo.* — Lakto estas la kutima nutraĵo. Viandon oni malofte manĝas, — kamelaĵon, ŝafaĵon, antilopaĵon. Nur viroj rajtas buĉi beston. Se neniu viro apudestas, kaj necesas ke oni buĉu vunditan bruton, oni elektas la plej pian virinon por fari tion. Se virino portas viran infanon, ŝi metos la tranĉilon en lian maneton kaj gvidos ĝin por tranĉi la kolon de la besto. La tranĉilo devas esti tre akra, kaj la buĉo devas fariĝi per unu tranĉo : aliokaze oni ne povus manĝi la viandon.

Por konservi viandon, oni tranĉas ĝin en strioj, kaj sekigas ĝin sur branĉoj de arbetoj en la suno.

Lakton oni ofte buterigas, skuante ĝin en korbaĵoujo ; poste, oni boligas la buteron kun diversaj bonodoraj herboj, kaj malvarmigas ĝin en grandaj kalabasoj aŭ en felaj ujoj. Tiu preparaĵo, se pura, konserviĝas dum jaroj.

*Vestaĵoj.* — En estintaj tempoj, la vestoj de la Somalianoj konsistis el feloj kolorigitaj per ruĝa okro aŭ per suko de kreskaĵo. La nuna vestaĵo konsistas el unu rektangula kotona tuko drapirita ĉirkaŭ la lumbo, kaj ofte alia drapirita sur la ŝultroj. Viro ofte havas kelkajn tiajn tukojn : blankajn aŭ kolorajn. Somalianoj tiel ŝatas vestaĵojn, ke ofte ili elspezas la duonon de siaj enspezoj pro tio.

*Ludoj.* — En la kamelistaj grupoj, la knaboj tre ŝatas sportojn : ili batalas per bastonoj aŭ ŝnuroj, luktas, kuras, celas aloajn radikojn unu al la alia, aŭ ĵetas lancojn kiel eble plej malproksimen.

En la *rerr,* oni ludas diversajn ludojn per ŝtonetoj sur liniaroj strekitaj sur la tero. La plej ŝatata el ili estas nomita *ŝahh.* Oni ludas ĝin preskaŭ kiel la germana ludo Mühlenspiel (Muela ludo), sed ĉiu ludanto uzas dek du ŝtonojn. Dum la dismetado de la ŝtonoj, la efektivigo de « brido » (tio estas tri ŝtonoj laŭ unu rekta linio) ne rajtigas preni unu el la ŝtonoj de la kontraŭulo, sed la unua kiu faras « bridon » komencas la duan parton de la ludo. Se neniu faras « bridon », la ludanto kiu metis la lastan ŝtonon komencas : li prenas unu ŝtonon de sia kontraŭulo, laŭ sia elekto : la kontraŭulo faras same ; tiam la ludo fariĝas same kiel la germana, sed saltoj estas neniam faritaj. Se ludanto blokadas la alian, li devas fari duan movon por doni al li spacon.

Nokte, kiam la luno brilas, *laal* estas la favorata ludo. La knaboj dividiĝas laŭ du partioj, kaj strekas rondon sur la tero por reprezenti la « hejmon ». Unu el la ludantoj ĵetas karbigitan lignobulon dum la aliaj fermas la okulojn. Tuj kiam la bruo de la falinta bulo aŭdiĝas, ĉiu serĉas ĝin : tiu, kiu trovas ĝin aŭ sampartiano devas reporti ĝin « hejmen », kaj eviti ke alipartiano tuŝu lin sur la kapon dum la bulo estas en liaj manoj.

*Artoj kaj konoj.* — Muzikiloj ne ekzistas. Vespere,

oni ofte kantas aŭ dancas ; oni ritmigas la dancojn per kunfrapado de la manoj.

Ekzistas famaj kanzonistoj, kiuj kantas pri amo, morto, milito, venĝo, aŭ ludas kanzone ŝatatan ĉevalon aŭ kamelon.

Ĉiu Somaliano zorge konservas en la memoro la nomojn de siaj prapatroj, kaj geknaboj ofte konkuras en la ĝusta ripetado de la listo de sia prapatraro ĝis Daarood Ismaaeilido, kiu ŝipveturis de Arabio ĝis Somalio antaŭ pli ol 1.200 jaroj.

La ĉevalistoj famas pro siaj konoj pri steloj ; la kaŭzo estas, ke la ĉevaloj, malsame de la aliaj brutoj daŭrigas sin paŝti dumnokte.

Malsanoj estas kuracataj de specialistoj, kiuj resanigas per kupumo, tranĉado, ŝvitigo, brulo, anstataŭigo de rompitaj ostoj per bestaj ostoj, k.t.p.

Ĝis nun, la somalia lingvo neniam estis skribita, sed kvin procentoj de la knaboj lernas legi kaj skribi arabe komencas parkere lerni la Koranon. Ili skribas sur breteton : ilia plumo estas trunketo de malmola herbego, ilia inko estas ligna karbo miksita kun solvaĵo de gumo.

*Organizado.* — Nacia organizado ne ekzistas, sed la plenaĝaj viroj de ĉiu gento tre ofte kunvenas en elektitan centran lokon, sub la ombron de arbo kiun oni nomas la « arbo de la kunveno ». Tie ili diskutas pri migradoj al novaj herbejoj, pri disputoj inter individuoj aŭ kontraŭ aliaj gentoj.

---

# Kurioza elpensaĵo

## Ĉiama horloĝo

La « Svisa Horloĝa Revuo », atentigis siajn legantojn pri kurioza elpensaĵo de inĝeniero Jean-Leon Reutter el Neuchâtel.

La demando estas pri ĉiama horloĝo, tio estas horloĝo kies restreĉo estas efektivata aŭtomate per la ŝanĝoj de atmosfera premo kaj de temperaturo.

Aliaj teknikistoj provis utiligi saman rimedon por restreĉi horloĝon, sed iliaj klopodoj malsukcesis, ĉar ili obstine uzis kutiman horloĝan movilon. Tiuj moviloj postulas tro grandan elspezon da energio, por ke nur la atmosfera premo kaj temperaturo povu restreĉi ilin.

Estis necese krei ion tute novan, kaj pli simplan. Post paciencaj serĉoj dum 10 jaroj, S-ro Reutter trovis mekanismon je neordinara simpleco, kiu postulas multe malpli de energio ol la ĝis nun uzitaj horloĝmoviloj. Tiaokaze, diferencoj de atmosfera premo kaj de temperaturo, eĉ la plej malgrandaj sufiĉas por funkciigi la horloĝon.

Ne enirante en teknikajn detalojn, ni notu kelkajn klarigojn laŭ skemo ĉi-sube.

Ekzameno de la desegno permesas facile kompreni la funkciadon de la aparato.

1. La mekanismo estas reduktita ĝis plej simpla formo, postulante plej malgrandan forton.

2. Tiu forto estas aŭtomate provizata per levilo funkciigata de la variado de blovilo, sur kies ŝelon la atmosfera premo kaj temperaturo influas. Mekanismo kaj blovilo estas lokitaj interne de vitra kloŝo hermetika, por ke la ekstera aero ne povu penetri en ĝin.

La torda pendolo estas pendigita per invarfadeno, kaj la maso dum unu minuto komplete turnbalanciĝas.

C — vitra kloŝo tute obturita kaj ĝi entenas fiksan aermason ne influeblan de la atmosfera premo.




S — variebla blovilo, simila al la uzataj ĉe metalaj barometroj.

T — tubo, per kiu ekstera aero eniras la blovilon.

I — levilo funkciigata per variado de la blova ŝelo.

N — duobla kliko movanta klikradon R, sur kiu estas fiksita la movrisorto *r*, kies rolo estas transmeti al movilo M forton de la blovilo.

F — invarfadeno, per kiu estas pendigita la tordpendolo.

V — inertrado de la tordpendolo.

*c* kaj *a* ciferplado kaj tordpendolo.

H — forko, kiu kunigas la movilon al tordpendolo.

La komunikilo inter la pendolo kaj movilo estas delikata, kvankam tre simpla. La forko H estas movata ĉe la iro kaj reiro per malgranda cilindro efektiviganta sekan froton kiel eble plej reduktitan, kaj siavice komunikas al tordpendolo novan impulson.

La malfortiĝo de la pendolbalanciĝo estas sufiĉe malrapida por ke oni havu nenian timon pri ĉeso de la movado pro manko de impulso. Por provizi la horloĝmovadon dum 24 horoj, sufiĉas 18 gramoj-centimetroj. Temperatura diferenco de 1° (kun kapacito de 10 litroj de la hermetika kloŝrezervujo) provizas energion de 38 gramojcentimetroj. Do nenia timo povas ekzisti pri ĉeso de la movado pro manko de impulso.

Restas nur eluzo, kiu povus ĉesigi funkciadon de la aparato. Sed kiel ni diris pli supre, tiu eluzo estas malrapidega kaj la horloĝo povus funkcii dum pli ol mil jaroj.

Ĝis nun la Reutter'a horloĝo ankoraŭ ne estas en la komerco ; espereble kiel eble plej baldaŭ komerco kap-

tos ĝin. Tiam ni sendos horloĝŝlosilojn kune kun la eksmodaj harpingloj al niaj muzeoj.

Tia, kia ĝi eliris el la manoj de sia kreinto, la ĉiama horloĝo estas scienca mirindaĵo, kaj la plej aktuala manifestado de la horloĝa genio en Neuchâtel, kiu de longa tempo famigis tiun malgrandan landon, kaj la nomon de multaj el ĝiaj loĝantoj.

*Henri Dubois.*

---

# Amerikanaj inventistoj

Aperis antaŭ nelonge broŝuro pri la historio de la amerikana patentoficejo, fondita jam sub la egido de George Washington en la jaro 1791. En la libreto, la arkivisto S-ro Aubrey Mc Fayden rakontas tipajn trajtojn de la usona inventista vivo. La registro de la patentoficejo kalkulas rondcifere unu kaj duon-milionojn da nomoj kaj inter ili estas famaj, tre famaj viroj.

« *The father of his country* » (« La patro del' patrolando »), ne mankas. Efektive George Washington, sperta farmisto apud lia ĉefa rolo, demandis plurajn patentojn por agrikulturaj maŝinoj, plej ofte kombinaĵoj inter plug- kaj semmaŝinoj. Thomas Jefferson ne malpli fama ol Washington ankaŭ tre aktive sin okupis pri tiuj inventaĵoj. De li inventita soko eĉ nun ankoraŭ estas uzata tie kie la motorplugo ne povas labori racie. En la malnovaj domoj de la Virginia Kolonia teritorio oni trovas ankoraŭ nun tian specon de kanonfornoj, antaŭiranto de la moderna ŝparforno. Tiun fornon eltrovis Benjamin Franklin, kiu estis rimarkinda viro, ja genio dum lia epoko laŭ la nombro de la patentoj de li anoncitaj.

Interesa konstato : La profesia inventisto fiaskas tuj, kiam li forlasas sian specialecon. Ekzemple : Edison provis en 1910 flugmaŝinon kiu ne sukcesis kaj forprenis multan tempon kaj monon al la inventisto, kiu estis la plej riĉa je inventaĵoj, patentiginte pli ol 1,000 inventaĵojn. Ethan Dodds, specialisto plej fama en la fervoja fako, sukcesis en la rekordo de la alta nombro. Li patentigis 1,800 inventaĵojn senescepte plibonigaĵojn en la fervojo. Li ĝuas tian respekton, ke oni akiras ĉion de li eltrovitan, sen kontrolo.

La amatora inventisto venas malpli ofte. Sed sufiĉis inventaĵo por iĝi riĉa. Ekzemple : Rektoro de la Union College, Rev. Eli Nott, konstruis la Antracitfornon, fondis la imponajn fabrikejojn en Troy kaj riĉiĝis. Veterinaro Dunlop, de Irlanda deveno inventis la pneŭmatikon, kio estas ja la bazo de la bicikla kaj aŭtomobila industrioj. En la jaro 1867 presisto Sholes anoncis la unuan praktike uzeblan skribmaŝinon, kaj predikanto Hannibal Goodwin inventis la celulojdfilmon kaj per tio kreis la filmindustrion. Ankaŭ Mark Twain, la neforgesebla humoristo, troviĝas inter la inventistoj. Sed li ne havis ŝancon. Tajloro disputis al li la antaŭecon de la inventaĵo kaj Mark Twain perdis la proceson. Estis pantalonbuko fiksebla kaj deprenebla. Tamen li sukcesis en alia inventaĵo : Libro por englui adresojn, objekto ankoraŭ nun en la komerco. Ĉe alia inventaĵo Mark Twain perdis multan monon, nome pri kompostmaŝino. Oni retrovas tiun utilan maŝinon, sub nomo de *Ottomar Mergenthaler* kaj la maŝino estas la ĉie konata Linotipo, kiu fandas polinie la kompostaĵon.

Kiu ne aŭdis la nomon Vanderbilt antaŭ 40 jaroj, la prototipo. de usona sukcesinto ? Cornelius Vanderbilt anoncis aron da patentoj rilatantaj al vaporŝipoj. La nuna ĉefo de la familio, ankaŭ Cornelius, la fervoja reĝo, inventis la fajrujon de la lokomotivoj. Kaj lia filo inventis ŝubrosilon kun enfermita tubeto por la kremo. Alian milionulon oni trovas en la registrolibro : John J. Astor pereinta sur la Titanic en la jaro 1912. Li inventis aspiratoron de polvo por la stratpurigado. Tamen tiu-ĉi inventaĵo ne eniris la praktikon, kvankam Astor ĝin donacis al la ĝenerala ekspluatado sen kompenso.

Ondegon da inventaĵoj kaŭzis la aŭtomobilo. Ni trovas inter la inventistoj la boksiston Johnson, nigrulo. Ankaŭ eŭropan aristokraton, la princon Heinrich, fraton de l'eksimperiestro. Li ricevis patenton por malfermigilo de l' ventprotekto ĉe la aŭtomobilo ; estis iom da tempo antaŭ la milito.

Virinoj malofte troviĝas inter la inventistoj. S-ino Slater estu citata kiu anoncis diversajn modelojn de pupoj, kiuj havigis al ŝi milionan havaĵon.

Rimarkinda estas unu el tiuj inventistoj : Oskar Hammerstein, teatra artisto. Li patentigis cigarmaŝinojn kaj plibonigaĵojn por tiaj aparatoj. Sed li estis cigarlaboristo en la malnova mondo kaj kombinis tiajn maŝinojn laŭ sportoj akiritaj. Riĉiĝinte li dediĉis sin al la arto, por kiu li havis grandan talenton, kaj la financa sendependenco permesis al li iĝi libera artisto tre admirita.

Laŭ *K. v. B*

---

# En kelkaj linioj......

— Fondiĝis en Anglolando eldona societo por stimuli la eldonadon de altklasa esp. literaturo. Adreso : The Esperanto Publishing Company Limited, 142 High Holborn, London W. C. 1.

— Pro nesufiĉa monhelpo la kiosko ĉe la ekspozicio « Pressa » en Köln ne efektiviĝis. La kolektita sumo estas 124,85 Rm. kaj 2 Dol. La bonvolaj personoj sendintaj monon kaj dezirantaj rericevi ĝin skribu al : H. J. Hoen, Unter Goldschmied 17, Köln.

— *La vera historio de AHQ*, majstra verko de plej konata ĉina literaturisto moderna, S-ro Lu Sin, estas tradukita en Esperanto, de S-ro S. M. Chun, la tradukinto de « Ribelemaj Virinoj ». Kiu deziras konatiĝi kun la animo kaj la vivo de la ĉina popolo legu tiun verkon. Ĝi havas 120 paĝojn kaj aperos baldaŭ. Informas : Esperantista librejo, K. 7 Boone Road, Ŝangai.

— La Itala Labor-Carto, tradukita en Esperanto estas ricevebla ĉe S-ro Amerigo L. Reni, Via G. Mamelli 2, Verona, sendante unu liron italan (ĉ. 0.30 sv. fk.).

# LITERATURO

## Aviadisto kaj feino

de *Jerome K. Jerome.*

Lastatempe mortinta angla humoristo Jerome K. Jerome ŝatis foje misterajn aferojn kondiĉe ke ili konservu lokon por iom da milda gajhumoro. En lia ĉarma « Malvina of Brittany » li rakontas pri renkonto de brita aviadisto kun bela juna feino sur dezerta kampo de Bretonujo. Jen la dua ĉapitro: « Kiel ĝi okazis ».

Estis vespere, ĉirkaŭ la fino de Junio 1914, kiam aerkomandanto Raffleton, momente aligita al la franca taĉmento en Brest, ricevis senfadene ordonon reflugi tuj al la ĉefstabejo de la Brita Aera Servo en Farnborough. Dank' al glora plena luno la nokto havigas al li la bezonatan lumon. Tial juna Raffleton decidis ekflugi tuj. Ŝajnas ke li forlasis la aviad-kampon apud Brest ĉirkaŭe je la naŭa.

Iom preter Huelgoat li spertis malagrablaĵon je la motoro. Lia ideo unue estis daŭrigi ĝis Lannion, kie li ricevus spertulan helpon ; sed la afero nur plimalboniĝis kaj, ekvidante malsupre konvenan ebenaĵon, li decidis alteriĝi kaj prizorgi mem. Li alkampiĝis sen malfacilaĵo kaj komencis la inspektadon. Senhelpe la laboro daŭris pli ol li antaŭsupozis. Estis varma peza nokto kun preskaŭ nenia bloveto de vento. Kiam li finis, li sentis la varmon kaj lacecon. Li remetis sian kaskon kaj estis jam eksidonta sur la flugmaŝinon, kiam la beleco de la nokto sufloris al li, ke estus agrable — antaŭ ekflugi denove — streĉi la krurojn kaj iom malvarmigi sin. Li ekbruligis cigaron kaj rigardis ĉirkaŭen.

La montebenaĵo, sur kiu li estis alteriĝinta, elstaris kvazaŭ table super la ĉirkaŭa regiono. Ĝi etendiĝis ĉirkaŭ li senarbe, sendome. Nenio rompis la liniojn de l'horizonto escepte areto da mallarĝaj grizaj ŝtonoj, la restaĵoj — tiel li supozis — de iu antikva *menhir* (kelta altaro), sufiĉe ofta en la solecaj dezertaj regionoj de Bretonujo. Ĝenerale la ŝtonoj kuŝas renversite kaj dissemite, sed tiu aparta specimeno pro stranga ŝanco restis netuŝite tra la centjaroj.

Iom interesite aerkomandanto Raffleton senurĝe promenis al ĝi. La luno plej alte staris en ĉielo. Kiel trankvila estis la kvieta nokto, tion imprese montris al li la fakto, ke li klare aŭdis kaj eĉ numeris la batojn de preĝeja horloĝo, almenaŭ ses mejlojn for...

Kun la forsveno de la lasta vibrado el la malproksima sonorilo, la silenteco kaj soleco de la loko ŝajnis reveni kaj ekregi kun grandiĝanta insisto. Dum li estis laboranta, ĝi ne malkvietigis lin, sed malantaŭ la nigraj ombroj de tiuj aĝaj ŝtonoj la silento efikis kvazaŭ ies ĉeesto.

Kun sento rekuraĝiga li ekpensis reveni al sia maŝino kaj funkciigi la motoron. Ĝi ekpafos kaj zumados kaj redonos al li komfortan senton de vivo kaj sekureco. Li nun ĉirkaŭmarŝos la ŝtonojn por vidi kaj tuj reiros. Mirinde kiel ili rezistis al longega Tempo ! Kiel oni metis ilin tien, eble antaŭ dek mil jaroj, tiel ili ankoraŭ staris, kvazaŭ altaro de tiu vasta, malplena ĉieltegmenta templo.

Kaj dum li rigardadis ilin, kun cigaro inter lipoj, baraktante kun stranga forgesita impulso tiretanta liajn genuojn, jen eksonis el la mezo de la grandaj grizaj ŝtonoj regula spirado, mallaŭta kaj egala.

Juna Raffleton honeste konfesas, ke lia unua impulso estis : forkuri. Nur lia soldata eduko tenis liajn piedojn firmaj sur la eriko. Nu, kompreneble la klarigo estis simpla : iu besto igis la lokon sia nesto. Sed tiam, pri kia besto estis iam aŭdite, ke ĝi dormas tiel forte ke eĉ homaj paŝoj ne vekas ĝin ? Se ĝi estus vundita, kaj tiel malkapabla forkuri, ĝi ne spiradus laŭ tiu kvieta mallaŭta reguleco, kontrastanta tiel strange kun la trankvilo kaj silento cirkaŭaj.

Eble nesto de strigo. Junaj strigidoj havas tian bleketadon, la « ronkuloj » kiel nomas ilin kamparanoj. Juna Raffleton ĵetis sian cigaron for kaj surgenuiĝis por rampi inter la ombroj. Tion farante, li ektuŝis ion varman kaj molan kaj senrezistan.

Sed ne estis strigo. Certe li ŝin nur tuŝetis, ĉar eĉ tiam ŝi ne vekiĝis. Ŝi kuŝis tie kun la kapo sur brako. Kaj nun tute proksime, kun okuloj ĉiam pli kutimiĝantaj al ombroj, li ekvidis ŝin tute bone, la mirindaj lipetoj, la gracia figuro sub maldensa kovraĵo.

Kompreneble lia devo estus leviĝi ĝentile kaj iri for — tiam li povus ektusi. Kaj se tio ne vekus ŝin, li povus ŝin tuŝi per fingro ekzemple sur ŝultro kaj voki ŝin unue mallaŭte, poste iom pli laŭte : « Mademoiselle » aŭ « Mon enfant ». Eĉ pli bone, li povus forŝteliĝi sur piedpintoj kaj lasi ŝin dormi.

Ŝajne tiun ideon li tute ne havis. Oni memoru, por lin senkulpigi, ke li estis nur dudek-trijara kaj, enkadrigite en la viola lunlumo ŝi ŝajnis al li la plej bela kreitaĵo, kiun iam vidis liaj okuloj. Ankaŭ enkalkulu la nebulan misterecon de la tuta afero kaj tiun atmosferon de malproksimaj tempoj, el kiu la radikoj de l'vivo ankoraŭ elĉerpas la sukon.

Oni konkludu, ke li forgesis, ke li estas aerkomandanto Raffleton, oficiro kaj ĝentilhomo ; forgesis la ĝustan regulon de sinteno aplikotan al kazo pri sinjorinoj trovataj en dormo sur dezertaj montetoj sen akompanantino. Eĉ pli kredeble li ne pensis pri io ajn, sed, simple instigate de povo super si, alkliniĝis kaj kisis ŝin.

Ne platona kiso sur la frunto, ne frata kiso sur la vango, sed kiso tute sur la malfermitaj lipoj, kiso de miro kaj adoro, simila al tiu, per kiu Adamo plej kredeble vekis Evon.

Ŝiaj okuloj malfermiĝis kaj iom dormeme ŝi rigardis al li. Povis ekzisti neniu dubo por ŝi pri tio, kio ĵus okazis.

Liaj lipoj ankoraŭ premis ŝiajn. Sed ŝi tute ne ŝajnis surprizita kaj plej certe ne kolera. Eksidante ŝi ridetis kaj etendis manon por ke li helpu ŝin ekstari. Kaj en tiu vasta templo, kun tegmento el steloj kaj lumo el luno, apud tiu severa griza altaro de forgesitaj ritoj, ili staris manon en mano kaj rigardis unu la alian.

« Mi petas pardonon », diris komandanto Raffleton, « mi timas, ke mi ĝenis vin ».

Li poste memoris, ke pro ekscitiĝo li alparolis ŝin angle. Sed ŝi respondis al li france, per stranga malnovmoda franca lingvo, tia, kian oni trovas nur sur paĝoj de malnovaj misaloj. Li malfacile povus ĝin traduki laŭlitere, sed ĝia signifo adaptiĝis al nia moderna idiomo :

« Ne gravas. Mi tiel ĝojas ke vi venis. »

Li konkludis do, ke ŝi lin atendis. Li estis ne tute certa, ĉu li ne devus senkulpiĝi pro ŝajne iom da malfruiĝo. Verdire li ne memoris ian aranĝon por tiu renkonto. Sed en tiu ĉi momento komandanto Raffleton fakte estis konscia pri nenio krom si mem kaj la mirinda aliulino apuda. Ŝi rompis la silenton.

« Kiel vi atingis ĉi tien ? » Ŝi demandis. Li tute ne intencis respondi enigme. Ĉefe lin okupis ankoraŭ rigardegi ŝin.

« Mi alfluĝis. » Li respondis.

Ŝiaj okuloj pli larĝe malfermiĝis, sendube pro intereso.

« Kie estas viaj flugiloj? » Ŝi demandis, kliniĝante flanken kaj provante ekvidi lian dorson.

Li ridis. Igis ŝin jam pli homa scivolemo pri lia dorso.

« Tie » il montris. Ŝi rigardis kaj unuafoje vidis la grandajn metalajn flugilojn brilantajn kiel arĝento sub la lunlumo.

Ŝi alpaŝis al ĝi kaj li sekvis ŝin, observante sensurprize ke la eriko ŝajne tute ne cedis sub la premo de ŝiaj blankaj piedoj.

Ŝi haltis je ioma distanco kaj li venis kaj staris apud ŝi. Eĉ al komandanto Raffleton mem ŝajnis kvazaŭ la grandaj flugiloj tremetis kiel la etenditaj brakoj de birdo sin pretiganta al ekflugo.

« Ĉu ĝi estas vivanta ? » Ŝi demandis.

« Ne ĝis mi sufloros al ĝi », li respondis.

Li jam perdis iom de sia timo je ŝi. Ŝi turniĝis al li.

« Ĉu ni iru ? » Ŝi demandis.

Li miregis. Ŝi estis tute serioza. Tio estis evidenta. Ŝi intencis meti sian manon en lian kaj foriĝi kun li. Estis ĉiel decidita. Por tio li venis. Al ŝi tute ne gravis kien. Tio estas lia afero. Sed kien li iros, tien ŝi iru. Tio estis ja tute klare ŝia programo.

Por lia honoro, ni tion protokolu, li tamen provis barakti. Kontraŭ ĉiuj fortoj de naturo, kontraŭ siaj dudektrijaroj kaj la ruĝa sango pulsanta en liaj vejnoj, kontraŭ la ravo de la somermeza lunbrilo kaj la voĉoj de l'steloj, kontraŭ la demonoj de poezio, romantikemo kaj mistero kantantaj sorĉan muzikon al liaj oreloj, kontraŭ la mirindeco kaj gloreco de ŝi, kiu staris apude, vestita per la violaĵo de l'nokto, aerkomandanto Raffleton batalis virte pro la saĝo.

Junaj personoj, maldense vestitaj, kiuj dormas sur erikaj kampoj je kvin mejloj for de ĉiu homa loĝejo estas nepre evitindaj de bonedukitaj junaj oficiroj de L. M. Aera Servo. Se krome ili estas neordinare belaj, tiu aldona cirkonstanco devus servi kiel plia avertilo. La knabino havis ian disputon kun sia patrino kaj volis forkuri ! Ĉefe respondeca estis tiu diabla lunbrilo. Ne mirinde ke hundoj bojas al ĝi. Li preskaŭ imagis aŭdi unu ĝuste nun. Bonaj, honestaj, sanaj tipoj, la hundoj. Nenia malbenita sentimentalismo ĉe ili ! Nu, eĉ se li kisis ŝin ! Oni ne estas ĝismorte ligata al ĉiu virino kisita. Certe ne la unuan fojon ŝi estis kisata, se ne blindaj aŭ blanksangaj estas ĉiuj knaboj en Bretonujo ! Tiu nekredebla senkulpeco kaj simpleco estas nur pretendaĵo ! Se ne, ŝi estas frenezulino. La taŭga konduto estos adiaŭi kun rido kaj ŝerco, funkciigi la maŝinon kaj for al Anglujo — kara, malnova, praktika, bonhumora Anglujo, kie li povos matenmanĝi kaj bani !

La batalo ne estis justa ; vi sentas tion. Kompatinda, precizema saĝeto kun sia defia suprenpinta nazo, sia akra ridaĉo kaj sia denaska maldelikateco ! Kontraŭ ŝi la trankvileco de la nokto, la muziko de la tempoj kaj la batado de lia koro.

Tial lia tuta rezistemo defalis al liaj piedoj kvazaŭ polveretoj, kiujn ŝajne disblovis pasanta spireto de vento, lasante lin senhelpa, ensorĉita de la magio de ŝiaj okuloj.

« Kiu vi estas ? » li demandis ŝin.

« Malvina », ŝi respondis lin. « Mi estas feino ».

Tradukis *Edm. Privat.*

---

# TRA LA LIBRARO

**Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko « Novaj libroj ». Sub titolo : « Tra la libraro » aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.**

---

### *Fabiola. — Robinsono. — Gramatikoj.*

*Fabiola*, aŭ la Eklezio de la Katakomboj, estas ampleksa fama verko ; ĝia esperanta traduko nombras 436 paĝojn kun densa teksto. Ĝi aperas en dua eldono ; la unua, de E. Ramo, estis reviziita de Em. Robert kaj, krom entekstaj bildoj, ok tutpaĝaj ilustraĵoj plibeligas la libron. En ĝi, ĉio, kovrilo, papero, preso, bildoj, estas guste elektita ; ĝi estas unu el la plej belaj eldonaĵoj de nia libraro.

La aŭtoro, Kardinalo Wiseman, verkis ĝin angle en la mezo de l' lasta centjaro ; ĝi tiam havis grandan sukceson, estis tradukita en multaj lingvoj, fariĝis modelo por aliaj similaj historiaj studoj. Kun detala priskribo de la unua Kristanismo floranta meze de l'persekutadoj de la pereanta Roma Imperio, kun montro de la lukto inter du malaj moraloj, la aŭtoro lerte interplekis la agadon de amindaj aŭ malbonaj homoj ; inter ili rimarkindaj estas aro de altanimaj virinoj, kiel Agnes, Sira, Cecilia, kaj ĉefe Fabiola, kies intelekto devas longe barakti por forlasi la

patrician roman fierecon kaj aliri al la kristana humileco. En la iom komplika, multepizoda rakonto, kelkaj tipaj scenoj restas en la memoro ; la arda plenfido de l'konvertitoj, ilia nepra kredo al oftaj mirakloj, ilia soifo al memofera martiro, estas reliefe pentrataj. Je arkeologia, historia, religia vidpunktoj la verko estas serioze ellaborita ; la ĝenerala aranĝo iom elmodiĝis ĉar pli modernaj revivigoj de l'malnovaj epokoj estis ofte pli kolere, pli arte desegnataj. La ĉefa celo de l'aŭtoro estas glorigi la Kristanismon kaj precipe la katolikan eklezion kaj ĝian dogmaron. Pri la esperanta traduko, ĝi estas tre bona, flua, korekta, tute inda je tiel grava kaj valora verko, kiu ne devas manki en ĉiu esperantista biblioteko.

---

Pro tute aliaj ecoj, la fama *Robinsono Kruso* de De Foë ankaŭ fariĝis tuthomara propraĵo ; ĝi tre taŭgas kiel legolibro pro la intereso de l'aventuroj, precipe se oni forigas la malpli viglajn partojn de la originalo. Tian mallongigitan tekston, aranĝitan por Holandanoj, S-ro Bulthuis libere tradukis esperanten kaj bildoj ornamas la verkon kiu fariĝis tute laŭcela. La kompilinto aldonis klarigojn kaj vortaron en holanda lingvo kaj demandaron en Esperanto. Tio limigas la uzon de l'libro al unu lando. Eble, tiuj aldonoj povus aperi en apartaj kajeretoj, kaj en pluraj lingvoj, kaj tiel la bona legolibro estus pli vaste uzebla. Sed unue oni devus korekti en ĝi multajn preserarojn, kiuj, jam tedaj en literatura verko, fariĝas pekaj en instrua, cetere bele eldonita libro. (Kial « greti, lavao » por « grefti, lafo » ; kaj ĉu uzo de pudro aŭ linoleumo ne estas mistempa?)

---

La sama firmo, kiu eldonis tiun *Robinsonon*, ankaŭ presis novan *instruilon* verkitan de *W. W. van Alphen*; ĝi ankaŭ celas holandanojn, kaj estas same bone bindita, klare presata, kvankam ankaŭ neperfekta laŭ korekteco. En 27 lecionoj estas dividata la elementa instruo de nia lingvo ; ĉiu enhavas la kutiman aranĝon de tiaj lerniloj : gramatikaj klarigoj, vortlistoj, ekzercoj ; la temoj de la traduk-kaj legtekstoj estas tre bone elektitaj.

---

Malsame, la *Grammatica* de Giuseppe Giani estas por Italoj detala plena gramatiko, celanta ne junajn lernantojn, sed jam klerajn esperantistojn. La ampleksa volumo unua estas la fonologio kaj la morfologio de nia lingvo ; dua volumo aperonta enhavos la sintakson. Tre precizaj estas la klarigoj pri la diversaj vortspecoj, pri la afiksoj, pri la korelativaj vortoj, entute pri ĉiu speciale atentinda punkto de Esperanto ; tio formas la ĉefan parton ; poste sekvas longa ekzercaro : 214 frazkolektoj, ĉu italaj, ĉu esperantaj, Italoj do havas ion kompareblan kun tio, kion posedas francoj en la *Komentario kaj Ekzercoj de Aplikado* de de Beaufront, aŭ en la *Plena Gramatiko kun la Aldonaj Ekzerclibroj* de Aymonier. Ni ne dubas, ke la verko, iam kompleta, helpos ĉiujn italojn dezirantajn funde koni nian lingvon aŭ prepari sin por instrui ĝin.

---

Subtitolo : *Einführung in die deutsche Sprachlehre*, S-ro Schattat verkis novecan lernolibron, kiun devus studi ĉiu, antaŭ ol eklerni fremdan lingvon kaj speciale Esperanton. Ĝin oni povas uzi antaŭ aŭ dum tiu lernado. Efektive, kaj tion spertis ĉiu kursestro, tio kio foje ŝajnigas Esperanton malfacila estas nesufiĉa scio aŭ forgeso de la strukturo de l' propra gepatra lingvo. Tiun baron forigas por Germanoj la nun menciata kaj rekomendinda librêto.

15 aprilo 1928.

G. S.

---

*Th. Cart : Pri Landnomoj. La Sistemo de D-ro Zamenhof. 1927. Jaslo. Eldonejo « Esperantista Voĉo ».* Kolekto de la Akademio. 16 p.

Iom malfrue — rilate la daton de la apero — sed en la trafa momento kiam la landonoma problemo ree okupis nian publikon, — ni prezentas ĉi tie niajn notojn kiuj rilatas al la verko de la Prezidanto de nia Akademio.

Zorge ni konsultis Zamenhofajn verkojn por vidi kiujn landonomojn li uzis kaj rekomendis uzi — en diversaj epokoj kaj cirkonstancoj. Estis granda nia surprizo konstati, ke Zamenhof sekvis ses malsamajn manierojn nomi landojn. Ian sistemon landonoman li ne havis ĉe la fino de sia vivo ; ĉar por ni la vorto *sistemo* signifas harmonian tutaĵon reguligitan laŭ fiksitaj principoj ; tial ja ni nomas « sensistema » ĉion neregulan, nekonsekvencan, varian. Kun la tuta respekto kiun ni ŝuldas al la Majstro, ni tamen konstatas ke lia tuta uzado de landonomoj fine estis sensistema, kiel tuj vidos la legantoj. Ni trairu do la ses manierojn de landonomado ĉe Zamenhof.

* * *

1. En la komenco, 1887-1896, regis ĉe Zamenhof konsekvenca sistemo de -ujo, uzata absolute, ne nur por « landoj loĝataj de... » kiel Francujo, Germanujo, Rusujo, sed ankaŭ por pure geografiaj konceptoj : Galicujo, Moravujo, Stirujo, Slavonujo — malgraŭ tio ke ne ekzistas lingvanoj aŭ rasuloj : : galicoj, moravoj, stiroj, slavonoj. Pro la emo ĉion igi regula, Zamenhof aplikis -ujon eĉ al la radikoj kiuj jam per si mem estis landonomoj : Kanado, Brazilo, Ĉilo, Holando, Irlando, Islando, Portugalo, Japono, Bosnio, Sirio, Palestino. Do, en sia ekstrema sistemigo nia Majstro uzis : Kanadujo, Brazilujo, Ĉilujo, Holandujo, Islandujo, Irlandujo, Portugalujo, Japonujo, Bosnujo, Siriujo, Palestinujo, Bolivujo, Aŭstrujo, Gallujo, Kastilujo, Kroatujo, Leonujo, Meksikujo, Saksujo. Kiel logika sekvo de tio estis, ke Zamenhof citis inter francoj, italoj, aŭstroj — ankaŭ holandojn, irlandojn, siriojn, portugalojn, japonojn, kiel loĝantojn. Escepte, li ne ujigis kelkajn landojn pro konataj motivoj (koincido kun nacia maldeca vorto, ekz. Ĉeĥujo por rusoj, aŭ influo de naciaj lingvoj : Skotlando anstataŭ regula Skotujo).

* * *

2. Poste, pro la vasta korespondado, kompilado de la Adresaroj kun miloj da adresoj, kie landonomoj estis amase kaj praktike uzataj, Zamenhof mem rimarkis nesufiĉan internaciecon de la absolutaj ujo-formoj, trovis internaciajn nomojn, pli mallongajn, pli naturajn. Li do komencas provi la nomojn : Holando, Kanado, Krimo (Krimeo), Monako, Meksiko, Koĥinĥino, Palestino, Tonkino, Argentino, Elzaso, Oranĝo, Malto, Peruo. Studante la Adresarojn de la epoko 1896-1904 ni vidas la proceson de la pensa maturiĝo, pli kaj pli kuraĝa, kiu iras de la naciaj : Canada, Elsass, Scotland al la esperantaj : Kanado, Skotlando, Elzaso. Anstataŭ la unuatempaj : Kanadujo, Meksikujo, Alĝerujo aperas : Kanado, Meksiko, Alĝerio.

* * *

3. En 1902, Zamenhof publike aprobas la sistemon kun-lando, same absolutan kaj nenaturan kiel la absoluta sistemo kun -ujo. Tio estis la propono de Paul Fruictier, redaktinto de « Lingvo Internacia ». Kaj kun la Majstra sankcio disfloras stranga serio : Aŭstrolando, Belgo-

lando, Bohemlando, Brazillando, Ĉìlilando, Hollando, Kanadlando, Meksiklando, Palestinlando, Serbolando, Turklando, k. a. Zamenhof — persone — jam antaŭe uzis dekon da -lando-formoj : Skotlando, Estlando, Finnlando, Greklando, Pollando, Franclando, k.a.

* * *

4. La kvara maniero kun -io aperas timeme jam en la Adresaroj. Anstataŭ unuatempaj : Alĝerujo, Moravujo, Galicujo, Silezujo ni vidas en 1903-1904 aperi : Alĝerio, Moravio, Silezio, Galicio, kune kun la formoj de la Fundamenta Krestomatio : Georgio, Kalifornio. En 1906, Zamenhof rekte proponas la *sufikson -io* en la verketo « Homaranismo », kie li uzas : Parizio, Peterburgio anstataŭ : Francujo, Rusujo. Fine, en 1911, en « Lingvaj Respondoj », li proponas : Brazilio, Ĉilio, Tunisio, Meksikio, Alĝerio. En la Esperanto-Rusa Vortaro 1911 li krome uzas : Andaluzio, Siberio, Oceanio, Aŭstralio. De la formo *Siriujo* en 1908 li evoluas ĝis *Sirio* en la Biblio 1911-1916, kie ni vidas ankaŭ : Asirio, Samario, Mezopotamio.

* * *

5. La kvina maniero estis speco de evito rekte nomi la landon : la lando Egipta, lando Kanaana, lando Galilea, lando Edoma, lando de Edom, lando de Moab, k.t.p. kiujn Zamenhof uzis en la Biblio ; ĉu pro la deziro sekvi originalan tekston, ĉu por plibeligi la stilon, tion ni ne scias. Tiu evitmaniero de landonomado tamen estis elpensita ne de Zamenhof, sed de la sama Paul Fruictier, kiu inaŭguris la trian sistemon -lando-lando. Efektive, komencita en Julio 1902 tiu -lando-lando sistemo subite ĉesis en Aprilo 1904, kvazaŭ la redaktinto ekhontis pro la vere monstraj : Kanadlando, Brazillando, Ĉìlilando. De la Aprila numero la kroniko uzas nur adjektivojn : Rusa, Franca, Angla, Germana, Diverslanda, Sveda, Anglolingva, Germanlingva, Diverslingva. Tia evitato daŭrio ankaŭ kun P-ro Cart kiel nova redaktoro de « Lingvo Internacia » ; nur en 1910 reaperas : Germanujo... en la Kronika titolo. Ni do rajtas konsideri Paul Fruictier kiel unuan ribelanton kontraŭ -ujo, sed nur al Zamenhof apartenas la honoro enkonduki kaj proponi en la uzon la sufikson -io.

* * *

6. La sesa maniero de Zamenhof, lasta kaj eble plej ekstreme natura, estis la uzo de origina nomo sen iu ajn sufikso aŭ finaĵo. Tion li inaŭguras en la Genezo 1911 kaj plene disvolvas en la tuta Malnova Testamento, tio estas ĝis sia morto. Li preskaŭ sistemigas tion komencante per la personaj kaj lokaj nomoj : Adam, Habel, Kain, Enos, Lot, Abram, Jakob, Isaak, Aaron Jafet, Eva, Sara, Lea, Hagar, Rebeka, Raĥel, Atalja, ... Eden, Ararat, Babel, Jordan, Betlehem, Jerusalem, Karmel, Kidron, Cidon, Cion, Sinaj, ... kaj fine landoj : Akad, Ur, Elam, Edom, Sidim, Gerar Nod, Ofir. Vere, ĉar la propra nomo mem enhavas ĉi tie la ideon de substantivo, la aldono de -o estus nur pleonasmo, nenecesa balasto peze sentebla en la Biblio kie iufoje sinsekvas dekoj, centoj da nomoj. Diri « Hektor Hodler » kaj « Hectoro Hodlero » estas tute sama. Zamenhof uzis en 1887-1889 Georgo Vaŝingtono, Valter-Skoto, Ŝillero, Ŝekspiro. Je la fino de sia vivo li komprenis ke -o ne estas necesa ĉe la propraj personaj nomoj, li do ekuzis : Adam, Noa,... kaj la samon li aplikis al la bibliaj landonomoj, preskaŭ absolute.

*P.-E. Stojan,*
Ano de la Lingva Komitato.
Dumviva membro de UEA. Kunlaborinto ĉe la Vortaro de Rusa Imperia Akademio.
Vortaro de Rusa Imperia Akademio.




## Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo : 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis.

### Oficiala Informilo

Jaro 1928, N-ro 8.

**PLENDOJ KONTRAŬ UEA. — Por esplori kritikojn pri la administrado de UEA kaj plendojn kontraŭ cirkuleroj de S-ro Delanoue en Parizo la Prezidanto petis la Honoran Prezidanton de UEA kunvoki en Genève 4 membrojn libere elektitajn de UEA kunsidoj en Lyon, Newcastle-on-Tyne, Potsdam kaj Teplice Teplitz kaj pri eksterĝeneva reprezentado de la komisiono de UEA. Ili ekzamenos ĉion en Genève kaj raportos en Julio. Ĉiujn rimarkojn aŭ plendojn oni sendu al la vicprezidanto de UEA Sinjoro Johannes Karsch, Postfach 10, Dresden N. 6.**

*Jarlibro 1928.* — Ĝi eliras meze de Junio kaj estas sendata rekte el la presloko Leipzig al ĉiuj anoj pagintaj la kotizon. Personoj nericevintaj la jarlibron je oportuna tempo bonvolos informi la Centran Oficejon.

*Oficiala Bulteno N-ro 23.* — Tiu-ĉiu bulteno kiu estis preta fine de Aprilo 28 ne povis eliri pro teknika malhelpo antaŭ la fino de l' monato Majo. Delegitoj nericevintaj ĝin bonvolos informi la Centran Oficejon.

*Kongreso en Antverpeno.* — Pri la traktotaĵoj aperos informo en la Julia numero de Esperanto.

*Jubileo de la Delegitoj de UEA.* — Nia fidela Delegito en Tanger, S-ro Claudius Vincent Richard atentigas nin ke ni ne citis lian nomon en la vico de la Delegitoj, partoprenintaj UEA de ĝia fondo ĝis nun. S-ro Richard estis komence Delegito en Bellegarde sur Valserine, departemento Ain (ĉe la svisa landlimo de Ĝenevo kunlaboris kun S-ro Berthelot la efektiva fondinto de nia revuo ESPERANTO kaj apartenas al unu el la unuaj Delegitoj de UEA.

AVERTO. — Ni avertas tie-ĉi pri S-ro Valentinov en Moskvo kiu akceptas abonojn kaj aliĝojn al UEA, sen rajtigo kaj komisio de nia flanko. Pluraj personoj plendis al ni pro nericevo de dokumentoj kaj el korespondaĵoj kiujn S-ro Valentinov sendis al tiuj personoj ni konstatas ke li rajtigis sin mem, akcepti monon por ni. Ni atentigas, ke ni ne posedas eblecon ricevi monon el USSR ; ni ankaŭ ne povas akcepti monbiletojn sovjetajn, neŝanĝeblajn en eksterlanda banko.

*Respondo al Publikaj Demandoj.*

*Asocia Kapitalo.* — La Asocia Kapitalo de UEA estas severe gardata de la testamenta kuratoro. Laŭ lia bilanco, kontrolita en Februaro 1928, ĝi sumas same nuntempe kiel en fino de 1924, la jaro kiam UEA elektis sian nunan prezidanton.

*Salajroj.* — La oficoj de Prezidanto, Vicprezidanto, Komisionanoj kaj Komitatanoj estas senpagaj. Salajroj de la Direktoro kaj honorario de la Redaktoro estas laŭstatute fiksitaj de la Komisiono kaj submetataj al la kontrolo de la Komitato.

*Kontoj.* — La kontoj de la Centra Oficejo estas jare kontrolataj kaj submetataj al la Komitato. Ĉiam aperis regule la bilancoj en la kongresaj raportoj. Ili klare indikas ankaŭ la jarajn monsubvenciojn de la Asocia Kapitalo al la Centra Kaso.

Genève, 21 Majo 1928.

*Hans Jakob,* Direktoro de UEA.

***Kun la nuna numero de ESPERANTO estas sendata la « Bulteno de la Internacia Labora Oficejo » N-ro 28.***

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

ESPERANTISTA AKADEMIO
LA PREZIDANTO
12, rue Soufflot, Paris Ve.

Parizo, la 30-an de Aprilo 1928

Jen la rezultato de la *Elektoj en la L. K.* :

| | | |
|---|---|---|
| Nombro de la L. K-anoj | 126 | |
| Voĉdonis | 92 | |
| Plimulto | 47 | voĉoj |

Estas elektitaj :

| | | |
|---|---|---|
| S-roj Muĉnik | 89 | voĉoj |
| Sabadell | 88 | — |
| Drezen | 87 | — |
| Bofill M. Granada | 86 | — |
| Ghez | 85 | — |
| de Ménil | 84 | — |
| † Zwach | 83 | — |
| Uitterdijk | 81 | — |
| Sepúlveda Cuadra | 78 | — |

Je nia granda bedaŭro S-ro Zwach mortis dum la balotado. Lia nomo tamen staros en nia jarlibro 1928.

AKADEMIAJ DECIDOJ

La Akademio, fidela al la Zamenhofa sistemo por landnomoj kaj forigante ĉian alian solvon, decidis per 15 voĉoj kontraŭ 2 (Febr. 1928), ke la solaj landnomoj, kiujn ĝi povas aprobi estas tiuj *nome* montritaj en la verketo *Pri Landnomoj, la sistemo de D-ro Zamehof*.

Ĝi aliparte opiniis, ke la § 15 de la Fundamenta Gramatiko ne estas tie ĉi aplikebla, kaj ĝi decidis, ke la rimarko (1) de l'*Vortaro de la Oficialaj Radikoj* (p. 31) kaj de *Klasika Libro* (p. 119), kiu estis nur komentaria noto del' Prezidanto, estas nuligota.

Malprave oni riproĉas la Akademion, ke ĝi estas tro konservema, ke ĝi nenion faris.

Tro konservema ! sed kial do, se oni deziras esplorojn pri difinitaj lingvaj demandoj, pri ia ŝanĝo en nia Regularo, oni ne uzas lojale la rimedojn montritajn en la §§ 15 kaj 23 de ĉi tiu Regularo ?

Ĝi nenion faris ! Ĉu nenio : la longa laboro de la *korektoj de la eraraj tradukoj en U. V.*, la *Aldonoj*, la *Vortaro de la Oficialaj Radikoj*, la eldonado de *Klasika Libro* en 6 lingvoj (la tradukoj en 4 aliaj lingvoj estas pretaj, nur mono mankas) ; ĉu nenio, la grava, multnombra, privata korespondado prilingva de kelkaj Akademianoj, kaj la jaraj Raportoj ? Prof. Grosjean-Maupin preparas nun novan *Aldonon* al nia Vortaro !

Trankvile, senbrue ĝi efektive laboras kaj ne meritas la riproĉon pri nelaboremo, ĉar ĝi rifuzas preni sur sin taskon, *kiu ne, nepre ne, estas la ĝia:* plirapidigi la evoluon de la lingvo !

Sen ia ajn kompensaĵo, sen rekompenco la Akademianoj donacas al Esperanto la tempon, kiun lasas al ili libera, iliaj profesiaj okupoj : pagata estas neniu el ili. Mi ne insistas.

La *Jarlibro 1928* aperos tuj post la elektoj.

Ni trankvile, senŝanceliĝe iru nian rektan vojon : per disciplino, per unueco ni venkos ĉiujn momentajn malfacilaĵojn.

Via tre fidele,
*Th. Cart.*




## Informa Bulteno n-ro 4

*Bultenoj 1, 2 kaj 3 :* Vidu paĝojn 4, 31, kaj 55.

*Kotizo :* 35 Belgojn. — Por infanoj ne pli aĝaj ol 14 jaroj : 5 Belgojn. — Por *blinduloj*, la partopreno estas senpaga.

*Pagoj :* Ni tre insistas, ke oni kiel eble plej multe pagu por poŝtĉeka servo, per poŝtmandato aŭ per bankĉeko trastrekita. Tiu ĉi lasta pagmaniero havas la avantaĝon, ke ĝi povas akompani la mendoleteron eĉ ne rekomenditan.

*Donacoj :* Ĝis nun ricevita sumo : Bfr. 429,25 (Belgojn 85,85).

*Blindula Kaso :* Ĝis nun ricevita sumo : Bfr. 137,50 (Belgojn 27,50).

*Diservoj :* Diversaj diservoj okazos dum la kongreso :

*Katolika Diservo :* Informoj sekvas.

*Protestanta Diservo :* Dimanĉon, la 5-an de Aŭgusto, je la 9 1/2 matene, Pastro H. de Jonghe, el Bergen-op-Zoom (Nederlando) esperas gvidi Diservon en Protestanta Preĝejo de la Kristo, Bexstrato 7, Antverpeno, por ĉiuj Protestantoj, sed ankaŭ aliaj Homaranaj Gesamideanoj, en Esperanto. Uzata estos la Himnaro Esperanta de la Brita Esperantista Asocio, Londono. Teksto : 1 Kor. 12 : 4 Ekzistas diverseco de donacoj, sed la sama Spirito. Se eble, ĥoro kantos.

*Hebrea Diservo :* okazos en la ĉefa sinagogo de Antverpeno, Strato de la Arĥitekturitoj (Bouwmeesterstraat — rue des Architectes). Detaloj sekvos.

*Fakaj Kunsidoj :* Anoncis sin ankoraŭ por organizo de fakaj kunsidoj :

*Eldonistoj Esperantistaj :* Aranĝanto : Brita Esperantista Asocio, 142 High Holborn, Londono W. C. I.

*Internacia Ligo de Esperantista Poŝt- kaj Telegrafoficistaro-* (I. L. E. P. T. O.). Aranĝanto : S-ro Lod. Bas, 31, chaussée de Wemmel, Jette-St-Pierre, Bruselo.

*Pacifista Ligo (Universala Esperantista).* — Gvidanto de la kunsido estos : S-ro J. Glück, Bayreutherstrasse 3, Berlin W. 62.

*Radio-interesuloj.* — Aranĝanto : D-ro Döhler, Estro de la Komisiono de Radio-Statistiko, komisiita de ICK, Rosenplatz, 11, Riesa (Germanujo).

*Stenografiistoj.* — Aranĝanto : S-ro L. Cogen, Dreef 52, Ninove (Belgujo).

*Tabakkontraŭuloj.* — Aranĝanto S-ro E. Urbach, 56, St-Jozefstraat, Antwerpen.

*Loĝado : Ŝanĝo en la redakto de la mendilo !* — Por simpligi sian internan laboron kaj librotenadon, la LKK aranĝis la mendilon unuforme nur por 5-nokta loĝado. Tamen, por komplezi al la kongresanoj, ĝi plenumas la deziron de multaj petintoj, akceptante prizorgi la loĝadon ne por 5 noktoj, sed *por la preciza nombro de noktoj*, kiujn la partoprenantoj pasigos en Antverpeno. Tial ni dissendas per nuna informa bulteno *novan korektitan mendilon.* Ni insiste petas la kongresanojn, ke ili do *ne uzu* la mendilon de loĝado presitan en la numero de Marto-Aprilo.

*Speciala oferto pri plena pensiono en unuaranga hotelo.* — Ni rezervis por 7 tagoj (de la 4-a ĝis la 11-a de Aŭgusto) plenan pensionon por 26 personoj po Belgoj 22, — tage por ĉiu persono (+ 20 p. c. por takso kaj trinkmono). Ni donos tiujn lokojn al la unuaj mendontoj. La plena pensiono enhavas loĝadon kaj tri manĝojn ĉiutage.

*Pasporto kaj vizo.* — Pro la multaj koncernaj petoj, ricevitaj, ni kredas, ke estas utile doni ankoraŭ ĉiujn plenajn informojn pri la demando de pasporto kaj vizo :

a) La kongresanoj el Francujo, Luksemburgo kaj Nederlando ne plu bezonas nacian pasporton, nek belgan konsulan vizon, por veni en Belgujon (la kutima identecpapero sufiĉas).

*b)* Bezonas nacian pasporton, sed ne belgan vizon la kongresanoj el Aŭstralio, Kanado, Usono, Ĥinujo, Kubo, Danujo, Hispanujo, Grand-Britujo, Irlando, Islando, Italujo, Japanujo, Nov-Zelando, Norvegujo, Panamo, Portugalujo, Princlando Lichtenstein, Svedujo, Svislandujo, Urugvajo.

*c)* La kongresanoj el *ĉiuj aliaj landoj* (kies nacianoj kutime bezonas ankoraŭ la belgan vizon), povos libere eniri en Belgujon por ĉeesti la 20-an Universalan kongreson de Esperanto, prezentante ĉe la landlimo nur *sian nacian pasporton kaj sian provizoran kongreskarton kun fotografia portreto.* Ili prefere uzu la saman portreton kiel tiu de siaj identecpaperoj.

*Fervoja rabato sur la Belgaj fervojoj.* — La kongresanoj ricevas kun ĉi tiu numero sian identeckarton por la rabato de 35 p. c. sur la Belgaj Fervojoj. Ili devas skribi sur ĝi la nomon de la Belga limstacio, tra kiu ili enveturos la landon. La identeckarto estas prezentota en tiu limstacio por akiri la rabaton de tie ĝis la kongresurbo. Tiuj, kiuj vojaĝos per veturbileto aĉetota ĉe iu vojaĝagentejo, devas al ĉi tiu prezenti la identeckarton, kiam ili mendas sian bileton.

La identeckarto por la reiro estos donata en Antverpeno.

*Kongresinsigno :* Je la 15-a de Majo la LKK estis ricevinta 25 projektojn. Ĉi aljuĝis la kvar premiojn al la jenaj projektoj : 1-a premio (40 Belgojn) : projekto « Kongresurbo » de S-ro Jacinto Comella, el Vich (Hispanujo) ; 2-a premio (30 Belgojn) : projekto « 7 » de S-ro Jean Pogoretsky, el Angers (Francujo) ; 3-a premio (20 Belgojn) : projekto «12079/3 » de Huguenin Frères et Cie, el Le Locle (Svislando) ; 4-a premio (10 Belgojn) : projekto « Brabo » de S-ro W. De Koning, el Antverpeno.

La laŭreatoj bonvolu sciigi al la LKK la titolojn de la librojn Esperantajn, kiujn ili deziras ricevi. — LKK kore dankas ĉiujn partoprenintajn gesamideanojn pro la faritaj klopodoj, dank'al kiuj la konkurso atingis la deziritan celon.

*Somera Universitato pri « La Maro kaj la Navigacio » :* Diversnaciaj profesoroj akceptis prelegi. La plano estas preskaŭ tute plena. Ĉiuj detaloj pri temoj kaj prelegontoj aperos en nia proksima bulteno kun la ĝenerala programo de la kongreso mem, kaj de la postkongresa ekskurso en Belgujo.

24 Majo 1928.

*Loka Organiza Komitato,* 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno.

LAŬNACIA STATISTIKO DE LA ALIĜINTOJ

Angloj 230, Aŭstraliano 1, Aŭstroj 2, Belgoj 60, Brazilano 1, Ĉeĥoslovakoj 11, Danoj 3, Danzigano 1, Finlandanoj 2, Francoj 36, Germanoj 72, Hispanoj 11, Hungaro 1, Irlandanoj 3, Italoj 8, Japano 1, Kroatoj 4, Nederlandanoj 46, Perso 1, Poloj 9, Saarteritorianoj 3, Skotoj 48, Svisoj 6, Usonanoj 12.

Entute : 572. Nacioj reprezentataj 24.



## Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista

DEKTRIA KONGRESO

en Tilburg (Nederlando) 12-15 Aŭgusto 1928

TRIA KOMUNIKO

*Blinduloj.* — Blinduloj, kiuj intencas ĉeesti nian kongreson, ricevos senpagan kongreskarton kompletan.

*Ekskurso.* — La ekskurso aŭtomobilia al 's Hertogenbosch kaj Eindhoven ne estas senpaga. Anstataŭ tio okazos senpaga aŭtomobila promenado tra la urbo.

*Vizito al Eindhoven.* — Ni ricevis permeson viziti en Eindhoven la belan konstruajon de la katolika reallernejo, komerclernejo kaj liceo.

*Programo.* — La definitivan programon ni publikigos en la venonta komuniko. Certigita jam estas oficiala akcepto de la kongresanoj en la urbdomo.

*Gvidlibro.* — Baldaŭ la gvidlibro aperos. Ĉi-tiujn komunikojn ni pretigis la 30-an de Marto. Eble do la gvidlibro jam estas aperinta, kiam la gesamideanoj ĉi-tion legas.

*Propagandaj glumarkoj.* — Ni pretigis glumarkojn propagandajn por « Nia Dektria ». Ili estas vendataj 50-ope, por 50 cendojn (1 sv. fr.). Kvanton de minimume 250 glumarkoj ni alsendas afranke. Por malpli grandaj kvantoj oni aldonu la afrankkoston por presaĵo.

*Kongreskartoj.* — Ni ree atentigas, ke la prezo de kompleta kongreskarto estas 2.50 guldenoj (5 cv. fr.), kaj de potaga kongreskarto 1 guldeno (2 sv. fr.).

*Loĝado kaj manĝado.* — La hotelprezoj estas jenaj :

Loĝado kun matenmanĝo, potage : 3.50 gld. (7 sv. fr.).

Tagmanĝo : 2 gld. (4 sv. fr.).

Lunĉo : 1.75 gld. (3.50 sv. fr.).

Tagmanĝo komuna en Eindhoven : 2.50 gld. (5 sv. fr.).

La L.O.K. akiris specialan tarifon por la kongresanoj en « Hotel Nationaal » apud la stacidomo. Tie la prezoj estas jenaj :

Plena pensiono por maksimume 12 personoj, dum minimume 3 tagoj potage 5 gld. (10 sv. fr.).

Loĝado kun matenmanĝo, potage : 2 gld. (4 sv. fr.). Tagmanĝo : 1.75 gl. (3.50 sv. fr.).

Komuna tagmanĝo (minim. 4 personoj) : po 1.50 gld. (3 sv. fr.).

Komuna tagmanĝo (minim. 10 personoj) : po 1.50 gld. (2.50 sv. fr.).

*Korespondado.* — La poŝtkonto de la sekretario-kasisto de la Loka Organiza Komitato estas : N-ro 136676 . Lia adreso : S-ro P. Verspeek, Broekhovensche Weg, 100, Tilburg (Nederlando).

## Sennacieca Asocio Tutmonda (Sat) Oka Kongreso en Göteborg (Svedio)

14-19 Aŭgusto 1928.

PROVIZORA PROGRAMO

1-4. Raportoj de la estraro de SAT, de la redakcioj de « Sennaciulo », de « Lernanto » kaj de « Sennacieca Revuo »;

5. Raporto de la gvidanto de la *Informservo;*

6. Debato pri la diversaj proponoj farîtaj de la membroj. Krom la Kongresaj kunsidoj okazos diversaj fak-kunsidoj de SAT:

a) Pedagogia Sekcio; b) Kooperativa Sekcio; c) Junulara Sekcio; ĉ) Studenta Sekcio; d) Literatura Sekcio, plue de fervojistoj, metalistoj kaj aliaj profesiaj branĉoj.

La *urbo Göteborg* decidis *subvencii la Kongreson* per 2,000 svedaj kronoj.

*Kotizo:* Sama kiel la jarkotizo de SAT ; nemembroj de SAT pagas la 1 1/2-oblon *Rimarko:* Ne-SAT-anoj rajtos ĉeesti, ne partoprenante la debatojn — la kongreson.

*Kongresmarko kaj granda Kongresafiŝo* trikolora estas eldonitaj de la Kongresa Komitato (*Adreso*, Einar Adamson, Box 73, Göteborg.)

*Loĝado* laŭeble estos senpaga, se la aliĝoj alvenos ĝustatempe. Oni loĝigos la partoprenontojn ĉe profesi-kolegoj.

*Granda esp. ekspozicio* okazos en la salonoj de Metia lernejo. (Stöjdföreningens skola). La malferma kunsido okazos en la Kongressalono de Liseberg, granda somerplezurejo de la urbo.

*SAT-Konferenco.* — Post la fino de la 8-a SAT-Kongreso okazos same en Göteborg la 1-a SAT-Konferenco, al kiu estas invititaj la sindikatoj (internaciaj kaj naciaj centroj) kaj diversaj aliaj organizoj, por pritrakti komunajn demandojn. La kompetentuloj de la fakoj raportos en siaj naciaj lingvoj, sed la *sola traduklingvo en tiu Konferenco estos Esperanto.* La provizora tagordo de l' Konferenco, okazonta la 18-19 Aŭgusto 1928, estas:

1. Alilanda korespondado individua kaj grupa; 2. Raciproka interŝanĝo de metilernantoj ; 3. Alilanda libertempa vizitado de infanoj kaj plenkreskuloj per laborista vojaĝ-asocio; 4. Somerlernejoj kaj tendaroj en laborista edukado; 5. Rilatoj de fotoamatoroj, sportuloj, junuloj k.t.p.

Ĉiu organizo rajtas sendi laŭplaĉe kiom ajn da delegitoj al tiu konferenco kiu elmontres al la sindikataj estraroj plej okulfrape la praktikan uzeblecon de Esperanto. La raporto pri la Konference nur aperos en Esperanto.

*Antaŭsignoj.* — Ĝis nun en *Sennaciulo* estas aperigitaj la nomoj de 250 aliĝintoj al la Kongreso de SAT. En la kongreslando mem la intereso pri la Kongreso pli kaj pli vigliĝas. La nacia laborista esp. organizo en Svedio jam nun kalkulas pli ol 900 membrojn, kaj sub la influo de la venonta Kongreso la aktiveco kreskas. Oni anoncas fondiĝon de novaj grupoj. Tre grave estas, ke la laborista gazetaro de la lando publikigas notojn kaj artikolojn pri SAT kaj ĝia kongreso. Tiel la kongreso trovos favoran grundon en Göteborg.

*Detalajn sciigojn* oni regule povas legi en la semajna gazeto de SAT, SENNACIULO. Administrejo: R. Lerchner, Colmstr. 1, *Leipzig O. 27.*

## REDAKCIA NOTO

En mia skizo « La evoluo de Esperanto ».

(Aperinta en Januara, Februara kaj Marta numeroj de « Esperanto ») oni bonvolu korekti jenajn preserarojn:

Sur paĝo 11-a (1-a kolono 10-a linio de malsupre) : legu « 1888 » (ne 1899).

Sur paĝo 65-a (1-a kol. 16-a linio de supre) : legu « ĥaraktero » (ne « baraktero »).

Sur paĝo 65-a (2-a kol. 15-a de malsupre) : legu « aŭskultos » (ne « aŭskustos »). *H. Sakaria.*

## MOND-KONGRESO de W. L. S. R. en KOPENHAGO

1 — 4 de Julio 1928.

Lokaloj: « Studenterforeningen », Vester Boulevard, 6.

PROGRAMO:

SABATON

30. de Junio, 20 h.: La jam alvenintaj kongresanoj sin trafas kaj komune vespermanĝas.

DIMANĈON

1. de Julio, 10 h.: Malfermo de la kongreso.

Poste: Parolado pri « Seksaj Reformoj », D-ro Hirschfeld, Berlin

12 h. 30: Komuna matenmanĝo.

13 h. 30: Diskutado pri seksaj reformoj.

LUNDON

2. de Julio, 10 h.: Parolado pri « Seksa Edukado », S-ino Dora Russell, London.

12 h. 30: Matenmanĝo. 13 h. 30: Diskutado.

MARDON

3. de Julio, 10 h. : « Reguligo de la naskoj ». Parolado de D-ro Leunbach, Kopenhago.

12 h. 30: Matenmanĝo. 13 h. 30: Diskutado.

MERKREDON

4. de Julio, 10 h. : « Sekso kaj kriminala leĝdonado », Parolado de Prof. Pasche-Oserski, Kiew.

12 h. 30: Matenmanĝo. 13 h. 30: Diskutado.

ĉ. 15 h.: Organizado de W.L.S.R. Elekto de estraro k.t.p.

JAŬDON

5. de Julio: Ekskurso, verŝajne al « Kullen », Svedujo.

Dum la vesperoj kunvenoj en « Tivoli », « Langelinie » kaj aliaj lokoj. Lingvoj permesataj estas: Angla, Franca, Germana kaj Esperanto.

Oni zorgos por hotelo al kongresanoj, kiuj tion deziras kaj sin anoncas antaŭ la 15. de Junio.

Kongreskarto kostas 20 RM. (20 S.) (25 Sv. Fr.).

Kiu deziras partopreni la kongreson kaj esti ano de W.L.S.R., skribu al: D-ro J. H. Leunbach, Kopenhago, Danujo.

## INTERNACIA ESPERANTO-KONFERENCO DE UNIVERSITATANOJ

Bruxelles, 30 Julio—2 Aŭgusto 1928.

Interkonsente kun. I.C.K. en Ĝenevo kaj kunlabore kun *Brusela Esperantista Universitata Klubo*, la *Francianda Esperantista Universitata Federacio*, organizas antaŭ la universala kongreso Internacian Universitatan konferencon de *profesoroj, studentoj kaj diplomitoj cele* de racia organizado, propagando kaj aplikado en la supre cititaj rondoj.

En la intereso de nia movado ĉiuj esp. universitataj grupoj kaj izoluloj nepre aliĝu al la konferenco. Estas same dezirinde, ke okaze de tiu konferenco niaj samideanoj faru propagandon apud neesp.-universitataj organizaĵoj, por atingi ilian aliĝon kaj laŭeble partoprenon se ne rektan, almenaŭ pere de partoprenontoj esperantistoj.

Kotizo: 1 svisa franko por izoluloj;
3 sv. fr. por grupoj, asocioj.

Pri ĉio koncernanta la tagordon, proponojn k.t.p. sin adresi al: Francianda Esperantista Universitata Federacio. Eksterlanda sekretariejo, 8, rue Baour-Lormian, Toulouse.

Pri ĉio koncernanta aliĝojn, kotizojn kaj lokan restadon sin adresi al: Universitata Esperantista Grupo, 74, rue de Hollande, Bruxelles-Belgujo.

Gazetoj estas petataj represi la informon !

## INTERRELIGIA KONFERENCO FOR LA PACO

31 JULIO — 2 AUGUSTO 1928

HAGO, NEDERLANDO

Provizora programo :

MARDON, 31 JULIO

*Prezidanto:* Pastro Hoevers.

Matene, 11 — 12 h. :

1. Malfermo de la prezidanto;
2. Kantado de Freude M. Ortt, akompanata de Freude C. Paneras, Clifford;
3. Salutoj de aliĝintaj unuiĝoj;
4. La kuraĝo de sinofero. D-rino Nic. Bruining (protestanta); Prof. D-ro C. G. van Riel (malnov. katoliko).

Posttagmeze :

1. Raden Adipati Aria Wiranakoekosoema (mahometano);
2. Litero kontraŭ spirito. D-ro Edmond Privat.

4-a horo: Oficiala akcepto per la urbestro.

MERKREDON, 1 AUGUSTO

Matene, 10 — 11 h. 45 :

1. Salutoj de aliĝintaj Unuiĝoj;
2. Parolado de S-ro Rajagopalacharya (hinda teozofo) ;
3. Kantado, de Freude M. Ortt;
4. Eblaj rezultatoj de persona konvinko, eĉ se mankas organizaĵo aŭ socia influo. Pastro J. D. Dozy (Menonito).

Posttagmeze, 2 — 4-a h.:

1. « La spirita unueco de la homoj super raso kaj nacio ». S-ro Faubel (framasono) ;
2. Da mesaĝo Pacifista de la Evangelio. Pastro Frank Thomas ;
3. Paŭzo.
4. S-ro J. Dwoorly, por Christian Science.

Vespere, 8-a koro (En la granda salono de la Zool. Cardeno):

1. Malfermo de la prezidanto Pastro Sirks;
2. Kantado de Freude J. Repelaer van Driel;
3. La ebleco de komuna bazo por daŭra kunlaboro. S-ro Hania Weidens;
4. La pensoj kiel forto al mondpaco. Episkopo J. I. Wesgwood (Liber. Kat.);
5. Kantado;
6. Kristo ĉe la Somme. Pastro G. Horrens de Haas.

JAŬDON, 2 AUGUSTO

Matene, 10 — 12 1/2 horo:

1. Kiun pacon ni serĉas ? H. P. Barono Tuyll, v. Servos - herben (Sufi. Ordeno);
2. Parolado de S-ro Ariel Bension;
3. Pledo por Tutm. Religia Ligo. Paudet Shvam Shanhar;
4. Diskuto pri proponoj por daŭra kunlaboro ;
5. Fermo.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ ;* L = *letero.* PK – *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* blf = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto. Ni atentigas ke ni ne presas la tekstojn tiel kiel ni ilin ricevis.

## Korespondado

### Interŝanĝo de objektoj

**Arad** (Rumanio). S-ro Adalberto Karpati, Bulevard Reg. Maria 9, PK, L, kĉl.

**Arnhem** (Nederlando). S-ro A. L. Moreau, instruisto, Raapopsche Weg 55, serĉas lernejan korespondadon por sia klaso kun Ĉinujo aŭ Japanujo.

**Arlön** (Sved.). S-ro Nils H. Svensson, Kvarngatan, PI, kĉl.

**Aussig** (Ĉeĥoslovakio). S-ro Hermann Sönnel, Kleine Wallstr. 30, PI, bfl. pri naturbelajoj ĉiam respondas.

**Bad Warmbrunn** (German., Schlesien). S-ro Georg Kaplan, Hermdorferstrasse 60, PI, PM.

**Cluj** (Rumanio). S-ro Ludoviko Jakobovics, str. Gl. Dragalina 23, PI, L, kĉl.

**Česká Skalice** (Ĉeĥoslov.). S-ro O. Horák, Parní pila, L, PI, PM, kĉl.

**Coburg** N. 13 (Australio, Melbourne). S-ro C. J. Shanahan, Ross Street 28, PI, L, ĉiaj temoj, kĉl.

**Dačice** (Ĉeĥoslovakio). S-ro Jan Kares, Moravio 117.-I, PI, kĉl. Ĉiam respondos.

**Gherla** (Rumanio). S-ro B. Babos, profesoro, serĉas korespondantojn por 22 kursanoj.

**Česky Tesin** (Ĉeĥoslovakujo). S-ro Joachim Kirsch, komercisto, Bezručova 9, kĉl., speciale kun fraŭlinoj ; interŝanĝas ankaŭ poŝtmarkojn, almenaŭ por 50 pecoj.

**Hälsingborg** (Sved.). S-ro Otto Andersson, Villatomtsvägen 10a, L, PI, kĉl.

**Helsinki** (Finlando). S-ro Hannes Vilkki, Museokatu 29, A, PM, laŭ Yvert kaj Tellier, nur kun progresintoj

**Hradec Králové** (Ĉeĥoslovakio). S-ro O. Sklenčka, ĉefdelegito de UEA, bezonas multajn proponojn pri korespondado por gestudentoj, PM, PI, L.

**Jičín** (Ĉeĥoslovakio). S-ro František Jelen, Knotkovy domy, PI kaj muziknotojn.

**Kiev** (U.R.R.S.). S-ro Ilia Alŝic, Malo-Podvalanaja 10/10, PM kun Svislando, Litovio, Belgio, Jugoslavio kaj Portugalo.

**Konecchlumí u Jičína** čp. 12 (Ĉeĥoslovakio). S-ro Pavel Mejsnar, studento, PM, PI. L, kĉl, ciam respondas.

**Kouvola** (Finlando) S-ro A. Miinala, PM, kĉl, minimume 500 pecoj.

**Leiden** (Nederlando). S-ro F. J. v. d. Meijden, Malenstraat 34, serĉas korespondantojn por la klubanoj.

**München** (German.). S-ro Karl Kaiser, Lindwurmstrasse 24, « Erdal », PM, PI.

**Reichen 102 Post Wernstadt** (Ĉeĥoslovakio). S-ro Franz Böhm, interŝanĝas monerojn novajn kaj malnovajn kaj vinjetojn de alumetskatoloj, kĉl. Ankaŭ kontraŭ aliaj objektoj. Certe respondos.

**Suzzara** (Italio, Mantova). S-ro Dino Villani, del. de UEA, serĉas seriozajn gekorespondantojn por siaj grupanoj kaj por 25 kursanoj.

**Rumburk** (Ĉeĥoslovakio). S-ro Jan Zemek, Hrnčírská ulice 36, PI, ĉiam respondas.

**Tientsin** (Ĉinujo). S-ro Linhoson, Chinese Telegraph Administration, PK, gaz., kĉl.

**Viskafors** (Sved.). S-ro Torsten Rydberg, Esp. Studrondo, PI, L, kĉl.

**Valenciennes** (Francujo). Inĝ. C. Naumoff, rue de Lille, 127, prefere pri elektraj temoj.

**Všechovice-Moravio** (Ĉeĥoslovakio). S-ro Ferdinand Šrom, instruisto, PM laŭ Michel, Yvert, *umstein, kĉl. Ne sendas unua, sed certe respondas, L, PI, pri fotografado.

**Zwolle** (Nederlando). S-ro M. M. Schouten, Albert Cuypstraat 6, L, PI, kĉl. Ĉiam respondos, escepte al filatelistoj.

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco

**Al ĉiulandaj Esperanto-instruistoj.** Delonge bezonata lernolibro de Esperanto « por progresintoj », nur en Esperanto, verkita de D-ro Leopold Dreher, L. K., kunlabore kun eminentaj esperantistoj diverslandaj, en lo lecionoj (kun samtiom da taskoj), estas nun presata s. t. « Supera Kurso de Esperanto ».

El ĉiu lando anoncu sin almenaŭ unu sperta instruisto de E., preta servi eĉ perletere al la memlernantoj de « Supera Kurso » kiel korektanto de la lo lecionaj taskoj.

Fiksu sumon en via landa valuto, kiun vi postulas por korektado de la taskoj sendotaj al vi tiucele flanke de vialandaj memlernantoj, ekz. 5 sv. fk., 1 dollar, 5 ŝ. aŭ sim. Viajnomo kaj adreso aperos sur aparta « Listo de landaj instruistoj perleteraj » por ke la lernantoj sciu al kiu sin turni. D-ro Leopold Dreher, Krakow, Starowislna 37 (Pollando).

---

**Adresŝanĝo !** S-ro Ferdinand Šrom, instruista kandidato, Kromeríz, Ĉeĥosl., anoncas al siaj korespondantoj sian novan adreson : Ferd. Šrom, instruisto, Všechovice-Morava (Ĉeĥoslovakio).

---

**Apudmaraj landoj.** Intencante veturi al maro mi deziras interŝanĝi PI, L, kĉl, apudmaraj. Ankaŭ interŝanĝo kun Oriento, Afriko, Aŭstralio. S-ro Jan Ev. Slávek, Chodská 14, Praha-XI (Ĉeĥosl.).

---

**Alvoko pri helpo.** Esperantistoj, ĉu vi volas savi el pereo samideanon ? Mia kulturejo de milulo ruiniĝos, ĉar mi ne povas aĉeti semon pro manko de mono. Ĉian helpon akceptas dankeme Aloizio de Koster, Burepolder E. 26, Jerseke, Nederlando.

---

**Ekspozicio.** S-ro Léon Louis, ĉe « American Express C-o », Cannes (Alpes-Maritim.), Frcl., deziras ricevi fotografaĵojn de belaj, sanaj infanoj kaj junuloj (-inoj) ĉiulandaj, por filantropa ekspozicio. Konsentas pagi la elspezojn, aŭ reciproke sendos artajn fotografaĵojn.

---

**Filatelistoj.** Mi vendas kolekton de PM ĉ., 7,000. Kelkaj landoj kompletaj Bosnio, Aŭstrio, Milita Poŝto, Ĉeĥoslovakio, germanaj kolonioj 130. Adresu al : Franz Böhm, Reichen 102, post Werkstadt (Ĉeĥoslovakio).

---

**Kongreso.** Mi serĉas korespondadon kun partoprenontoj de la XX-a kongreso de Esperanto en Antverpeno por persona interkonatiĝo dum la kongreso. Antverpenaj samideanoj skribu ankaŭ al S-ro Josef Paffenhlz, Düsseldorf iio (Germanujo).

---

**Koralojn, konkojn, mineralojn.** Mi kolektas koralojn, konkojn, mineralojn. Rekompence mi sendos PI aŭ PM nederlandajn. S-ro W. Vermeulen, Wandelweg, Wormerveer (Nederlando).

---

**Poŝtmarkoj !** Finlando : 80 malsimili, 2.50 ; Danujo : 125 malsim., 3.50 ; Finlando : 25 malsim., 100 serioj, 10.— , 50 malsim., 100 serioj, 32.—. Prezoj en svisaj frankoj + sendkostoj, antaŭpago. Prezlisto senpage. Poŝtmarkinterŝanĝo, minimumo 500 pecoj. A. Miinala, Kouvola (Finlando).

---

**Poŝtmarkojn** ĉeĥoslovakajn, de Bosnio kaj malnova Aŭstrio interŝanĝos kun versaj filatelistoj honeste kaj poŝtrevene S-ro Josef Polena, tabakvendisto Velky Bor, p. Horazdovice, Ĉeĥoslovakio.

---

**Rabindranath Tagore.** Kun gelernantoj de la Tagore-a instruejo mi serĉas korespondadon. S-ino Ševčíková, Kyjov, Moravio, Ĉeĥoslovakio.

---

**Rejna Stelo.** Monata Gazeto por trimfo de la Interna Ideo, litografita, riĉe ilustrita. Abonprezo: 5 fr. fr. pojare. Adreso: 4, rue Stimmer, Strasbourg (Bas-Rhin), Franclando.

---

**Piedvojaĝo al Antverpeno.** Al Belgujo, Germanujo kaj Ĉeĥoslovakujo ! Esp. kluboj kaj izolaj gesamideanoj ! Somere, mi entreprenos kun mia amiko perpiedvojaĝon al Antverpeno kaj mi petas. Vin kiuj volas helpi nin survoje sur linio Kladno-Kraslice-Samberg-Giesen-Roermund-Susteren-Lier-Antverpeno, ke skribu tuj al mi pri pluraj informoj. Adr.: Josef Haman, Hnidousy p. Motyčín, Ĉehhoslovakujo.

---

**Universal Pacifista Ligo**, servas varb- kaj kunlaboremajn reprezentantojn en ĉiuj landoj kaj lokoj. Proponoj direktu al la afergvidanto Heinrich Michalek, Lerchenfeldstrasse 20, Reichenberg, Ĉeĥoslovakio Senprokraste postulu programon, aliĝilojn

---

## Malpermeso de Esperanto

Sub preteksto, ke la Esperanto-movado inter la lernantoj servas kiel ŝirmilo kaj kaŝilo al politikaj agitadoj kaj anoncante, ke ĝi konstatis inter la lernantoj esperantistoj strangajn komprenojn pri la lernado de la ceteraj fremdaj lingvoj, la bulgara Ministerio de la Popola Instruado per cirkulero N. 9607 de la 10. IV j. k. fermigas ĉiujn ekzistantajn kursojn ĉe la lernejoj por lernantoj kaj malpermesas al la lernantoj : aranĝi kursojn de Esperanto, formi gimnaziajn Esperanto-societojn, ricevi kaj disvastigi la gazetojn « Esperantista Junularo » (organo de la Gejunulara Esperantista Ligo en Bulgarujo) kaj « Bulgara Esperamtisto ».

Inter la motivoj de la Ministerio apartan lokon havas ankaŭ la fama cirkulero de la franca aksministro Bérard.

La Bulgara Esperantista Asocio per argumetita ekspozo kontraŭmontris al la Ministerio la eraran vojon, sur kiu ĝi ekmarŝas per tiu cirkulero kaj insistis, ke la cirkulero estu korektata, forigante de ĝi la ekstremajn malpermesojn kaj limigante sin nur en persekutado de nepermesataj politikaj propagandoj.

# La Paco de la Mondo-per la Unismo!

## LA NOVA PLANO POR KREI INDUSTRIAN KAJ POLITIKAN KUNAGADON ENLANDE ĈE ĈIUJ NACIOJ KIEL EFIKA BAZO POR PACEMAJ RILATOJ INTERNACIAJ.

Planoj pri senarmiĝo ne taŭge okazas pro manko de interkonsento koncerne komercon mondvastan. Sendube estas bezonata plano por ebligi ko-operativan aktivecon en ĉiuj landoj pri la politiko kaj la industrio kaj samtempe por starigi helpemajn komercajn rilatojn internacie. Bondeziroj kaj piaj rezolucioj tiucele ne sufiĉos. Aktiveco kunlabora estas ankaŭ nepre necesa.

Tial « La Federacio de la Mondo » — kiel eduka movado — diskonigas planon laŭ kiu ĉiaj individuoj kun ĉiaj opinioj povos kunagi politike kaj komerce ĝuste kiam la neceso postulos ekonomian rekonstruadon por kontraŭbatali revolucion aŭ alian mizeraĵon. Jen estas plano simple komprenebla kaj facile akceptebla:

1. *La Parlamento devas esti la ĉefa Aŭtoritato.* — Bazata je demokrata toleremo kun politika egaleco per proporcia reprezentado ĉe ĉiuj elektoj. La tuta Parlamento decidos pri enlanda kaj eksterlanda politikoj kaj la registaro — enhavanta anojn el ĉiuj partioj — zorgos pri la laboro de administracio. Parlamento kaj registaro daŭros dum difinita periodo — ekz. je tri jaroj, kaj uzos la referendumon por sciiĝi pri la publika volo rilate gravajn demandojn. Tia sistemo permesos ke diversaj opinioj kaj ĉiaj politikaj planoj ricevi justan esprimadon kaj seriozan konsideradon.

2. *Ĉiupartia Registaro funkcios per ko-operativa politiko* — precipe koncerne la kontrolon de la industria maŝinaro — afero nuntempe vigle diskutata de la individualistoj kaj de la socialistoj. La unuaj insistas pri privata kontrolo de produktado kaj de distribuado ; la aliaj demandas publikan kontrolon. Sendube konstruema kompromiso estos ebla laŭ la plano de la « Unismo » :

La Individuo devus produkti.
La Komunumo devus distribui.

Per ĉi-tiu formulo federacia oni permesos ke privataj individuoj kaj grupoj organizu produktivajn industriojn kamparajn kaj urbajn. Samtempe la komunumo koncernos sin pri organizado de transportado, konservado kaj vendado. Laŭ la « unisma » metodo publika maŝinaro, distribuado malvolviĝos je la nedisputebla dispono de ĉiuj produktantoj kaj por la taŭga servado de ĉiuj aĉetantoj.

3. *Libera esprimado de opinioj ke de ĉiaj planoj reformemaj.* — La Unismo estas efektive enkonduka ilo por aliaj reformoj. Kiam stariĝos ko-operativa parlamento kaj registaro kun interkonsento pri la industrio tiam estos pli facila afero konsideri la multajn planojn pri la tero, la urbplanado, la eduko, la bankaj kaj monaj sistemoj, la libereco de komerco, la tarifoj, k.t.p., kaj tiel pretiĝos ĉiuj nacioj por certigi amikajn internaciajn rilatojn kaj fine por starigi federacian Ligon de Nacioj.

* * *

Nenia pago estas necesa por aliĝi al « La Federacio de la Mondo » kiu serĉas tiujn kiuj simpatias je la tri principoj. Tiaj simpatiuloj estas nomataj « Unistoj » kaj « Unistinoj » kiuj estas liberaj labori senprokraste pri la studado kaj disvastigo de nia metodo por krei paco interne ĉe ĉiu nacio kiel bazo por mondvasta interfratiĝo. Senuaj broŝuretoj estas haveblaj ĉe S-ro Colin Unwin (Poŝtkesto 47. P. O., Box 47. Fremantle, Okcidenta Aŭstralujo. Western Australia), kiu agas kiel honora organizanto pro

**LA FEDERACIO DE LA MONDO MOVADO.**

INTERNACIA - EKSPOZICIO - GAZETARA

# PRESSA

KÖLN AM RHEIN, MAJO-OKTOBRO 1928

## LA MONDA EKSPOZICIO

### DE ĈIO PRI GAZETARO,

SUB ĈIUJ FORMOJ DE LA EKONOMIA KAJ TEKNIKA FAROJ DE L'TUTA PRESARTA METIO LA MONDA ELMONTRO DE LA KULTURA KAJ SPIRITA SIGNIFO DE LA PRESITA VORTO. DU JARMILOJ DA INFORMA KAJ GAZETARA LABORADO EN VIVOPLENA PREZENTADO...

GRANDA KULTURHISTORIA ELMONTRO DE LA TAGA GAZETARO KAJ REVUOJ EN ILIA SFERO * LA TEKNIKO DE LA MODERNA INFORMADO * GRANDA EKSPOZICIO DE PRESMAŜIN INDUSTRIO KAJ DE LA GRAFIA METIO * MULTAJ SPECIALAJ EKSPOZICIOJ * NACIARA DOMO KUN EKSPOZICIOJ DE 32 LANDOJ, 20 EŬROPAJ KAJ 12 TRANSMARAJ *



500,000 KVM, GRANDA ESKPOZICIA PARKO ĈE LA DEKSTRA BORDO DE LA REJNO KUN FERVOJA STACIO SPECIALA* PROPRA EKSPOZICIA FERVOJO* GRANDAPLEZURPARKO* INTERNACIA VINVILAĜO* 220 KONGRESOJ. POPOL- KAJ KOSTUMFESTOJ* ILUMINACIO DE L'BORDO DE L'REJNO KAJ DE LA KATEDRALO.

# PRESSA

Komuna vizito de kongresanoj okazos la 2an de aŭgusto antaŭtagmeze sub gvidado de spertaj samideanoj el Köln.


Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K.S. — ANTVERPENO